**REVUO DE ESPERANTO NEDERLAND**

*21a jarkolekto n-ro 4 julio-aŭgusto 2016*

# Fenikso

**Esperanto Nederland**



**La nova estraro de Esperanto Nederland**

De maldekstro dekstren: Pieter Engwirda, Andries Hovinga, Loes Demmendaal, Saïd Balouchi kaj Rob Moerbeek.

# Fenikso

**Forumo de Esperanto Nederland**

**www.esperanto-nederland.nl**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto-Nederland**
ISSN 1384-6515

Membroj de Esperanto Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 30,-- (por samdomanoj € 10,--); membroj de NEJ pagas € 15,-- (ties samdomanoj € 5,--); *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50. Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio**: <redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburgweg 435 - 2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914 - <gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike**: Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme
Albert-I-straat 44 - BE 1703 Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro**: Eriko, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado**: Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

## ESPERANTO NEDERLAND

*Prezidanto:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Sekretario:* PROVIZORE Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen. <info@esperanto-info.nl>

*Membro-Administranto*: Remment Balk, Egeïsche-straat 42, 8303 EN Emmeloord. tel.: 0527-23 93 78; <membroj@esperanto-nederland.nl>

*Kasisto*: s-ino Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC Capelle aan den IJssel l.a.demmendaal@planet.nl <kasisto@esperanto-nederland.nl

*Bankkonto*: IBAN : NL10 TRIO 0786 8441 67 nome de ESPERANTO NEDERLAND, Monickendam; UEA-konto: esne-h.

*Instruado:* Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE Beverwijk; tel. 0251-23 10 79 <moerbeekr@gmail.com>

*Ĝemelaj Urboj:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH Wijchen; tel. 024-645 51 33 / 0622-60 33 79 <pieter.engwirda@gmail.com>

*Informado/informmaterialo*: Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 EW Groningen; tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

*Studie-weekeinde*: <studosemajnfino@esperanto-nederland.nl> aŭ Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen


## ENHAVO



## Alvoko

**Bv sendi estonte viajn bildojn, fotojn k.s. al la redaktoro! Via revuo bezonas vian subtenon!**

**GB**

## Datolimo

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la komenco de aŭgusto 2016. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## Ĉe la frontpaĝo

**La nova estraro de Esperanto Nederland** (foto de Wald ten Hagen).
Loes Demmendaal estas kasisto; Pieter sekvajare funkcios kiel sekretario (li estis reelektita estrarano por tri jaroj) kaj Rob Moerbeek dum la sama jaro 2016-2017 plenumos la funkcion de Prezidanto.



# DE LA ESTRARO

**1] KOMISIONOJ**
Aktivuloj pasintjare havis du okazojn orientiĝi pri la diversaj kampoj informado/konsciigado, instruado/klerigado kaj aplikado/komunumo. Tiuj, kiuj jam elektis sian specialiĝon, bv pripensi la avantaĝon formi konstantan komisionon, kiu povos aperi en la kolofono de ‘Fenikso’ kaj la retpaĝaro de nia landa asocio. Bv sciigi vian fakon kaj la nomon de la kontaktulo kun retadreso, por ke interesatoj povu doni kaj ricevi informojn pri la fako. Ekz.
Komisiono pri UN/Unesko/Mondfederismo: Rob Moerbeek, moerbeekr@gmail.com.
Proponojn bv sendi al: estraro@esperanto-nederland.nl.

**INSTRUANTOJ**
Instruantoj de Esperanto bv fortigi nian fakan grupon NGGE. La dukapa estraro ne povas sola ĉion necesan plenumi. Kursojn, ankaŭ kursetojn bv ĉiam mencii al moerbeekr@gmail.com, por ke la statistikoj de ILEI estu plejeble kompletaj: tio helpos ĝiajn rilatojn kun Unesko. Ni ankaŭ kolektas tiujn erojn en la lingvouzo, pri kiuj ekzistas diversaj opinioj, ekz. ĉu uzi la akuzativon post la prepozicio ‘po’; ĉu ‘ provizi iun per io’ aŭ ‘ion al iu’ .
Ni volas prezenti liston de tiuj punktoj por ekzamenaj komisionoj, al kiuj la komitato de ILEI laŭ nia propono konsilas milde prijuĝi eble neplaĉan elekton tiurilate.
Kaj kiam ni havos okazon, ni daŭrigos nian “Altern-Semajnan/Altern-Sezonan Ripeton”: bv indiki la temojn, kiujn vi preferas.
Por la aŭtuna studotago ni planas krom lingvaj demandoj kaj novaperaĵoj, atenti korean literaturon, konsidere la UK en Seulo sek-



vontjare. Ankaŭ nemembroj bonvenos. Bv anonci vin ĉe spsmits@hotmail.com aŭ moerbeekr@gmail.com por la 8a (aŭ 15a) de oktobro ĉe UEA.

**EKPAROLU!** Edukado.net serĉas ‘Onklojn’ kaj ‘Onklinojn’ por retkursanoj.
En la Ĝenerala Kunveno parolis Katalin Kovats, kies programo “Ekparolu” celas konversaciigi komencantojn, kiuj finis retkurson, ekz. de Duolingo, kies aliĝintaron jam nombras 400 000! La helpo, kiun spertaj parolantoj inter ni povas proponi, estas disponigi pere de Katalin skajpan adreson kiel ‘Onkl(in)o’. Sed necesas sekvi instrukciojn ĉe edukado.net.

**Nosobe**
Por tiuj inter ni, kies vidpovo forte malpliiĝis, solvo troviĝas per aliĝo al “Nederlanda Societo de Blindaj – kaj malforte vidantaj – Esperantistoj”. Ne nur la dumonata *La Kontakto*, kiu ĝuas internacian aprezon, sed ankaŭ la subvenciataj semajnfinoj en la komforta “Dennenheul” (Ermelo) valoras la penon. Krome eblas ekdisponi la grandliteran version de la ĉiam utila Prisma Vortaro. Plurajn revuojn Nosobe prizorgas: *Fenikso*, *Esperanto* de UEA, *Monato*, *Internacia Pedagogia Revuo* kaj aliajn.
Informojn donas la sekretario Elise Lauwen (eliselauwen@gmail.com) aŭ Rob Moerbeek.



**ZIENDEROGEN**
Post "E3" kaj " Evidente", "Zienderogen" (same kun trifoja 'e') daŭrigas la tradicion de nia karmemora Jacques Tuinder helpi al vidhandikapitoj en la plej mizeraj cirkonstancoj. Jarraportojn ni foje esperantigas, sed kiel ajn ĉiuj mondonacoj restas tre bonvenaj: www.stichtingzienderogen.nl. (Stichting Zienderogen, Jisp: NL20 INGB 0001 0201 00)

Rob Moerbeek

**2] (Ne-rekta) informado pri Esperanto:**
Se vi havas ĝardencentron en via urbo, **valoras mendi stokon** da saketoj, enhavantaj po 7 bulbojn de la **Esperanto-tulipo**. Jam fine de junio aŭ komence de julio vi alparolu la respondeculon de la ĝardencentro pri via (sufiĉe granda) mendo, kiun vi ekhavos oktobre aŭ novembre.
Se **ĉiujare** vi same agos ĉe la **sama** ĝardencentro, oni antaŭvidos vian mendon kaj **jam aŭtomate** prenos Esperanto-bulbojn en la stokon!
Mi jam dum 30 jaroj tiel agas, ke unu semajnon mi aĉetas ekz. 5 saketojn, sekvajn semajnojn mi revenos. Sed ĉiufoje **minimume unu saketon mi lasas**, por ke aliaj aĉetantoj konsciu, ke la Esperanto-tulipo rapide elvendiĝas; la ĝardenisto ĉiam kompletigas la ŝrumpantan stokon kaj refoje mendas ĉe la bulbokultivisto/liveranto.

Marjet Erasmus-v. Zadelhoff



Kelkaj impresoj pri nia Jarkunveno; novan estraron ni elektis – vidu la frontpaĝon (fotoj de Katalin Kovacs)

## EL MIA LETERKESTO

vidu ĉe De la estraro la alvokon kunagi ĉe Ekparolu!
1] **Dek bovinoj: Originala esperanta kanto por infanoj**: https://youtu.be/gh9w7QpyQtY (mga)

2] **Lego de peco de la verko "Donkiĥoto de Manĉo"** en la komuna internacia legado okazinta en Madrido en 2016. En la filmo aperas la legata teksto: https://youtu.be/jqGB3_72KHM (mga)

3] **komence de majo:** *Als Esperantospreker sinds mijn studietijd vind ik het fijn om te zien dat het zo goed gaat met Esperanto. Dankzij het internet maakt het Esperanto al een ruime tijd een grote groei door. Mede omdat door het internet de taal ook relevanter wordt omdat je je direct kunt verbinden met mensen over de hele wereld die het ook spreken. In deze Esperanto-facebookgroep met inmiddels bijna 20.000 leden spreken mensen uit de hele wereld dagelijks met elkaar over van alles en nog wat.*
*Echter met de komst van de handige gratis mobiele telefoon app DuoLingo gaat het helemaal de goede kant op met Esperanto. Op dit moment zijn er maar liefst 380.000 mensen over de wereld Esperanto aan het leren via Duolingo*! (Douwe Beerda)

4] Mi informas vin pri freŝa novaĵo – kaj estos al vi dankema, se vi diros pri ĝi al viaj amikoj kaj konatuloj, resp. skribos pri ĝi en diskutlistoj aŭ retpaĝoj, en kiuj povus esti intereso pri ĝi:
Internacia Esperanto-Instituto en Hago hieraŭ lanĉis – post stadio de testado kaj korektado – novan aplikaĵon por lerni Esperanton en la butiko de Googleplay, vidu: https://play.google.com/store/apps/details?id=com.embarcadero.esperanto
legu, kiel raportas pri ĝi la retpaĝo de Internacia Esperanto-Instituto en Hago, http://www.iei.nl/ieieo77.htm (Stano Marček)



## ESPERANTO PUBLIKE

1] Hierbij zend ik u een MOLENWIEKJE uit het blad *De Geestmolen* van mei 2016, voor het blad *FENIKSO*.
Ans Heijstra-Valkering.


MOLENWIEKJE

Maak kennis met de wereldtaal
ESPERANTO
tijdens het Studieweekeinde voor
alle leeftijden
2-3-4 september 2016
in Schoonloo, Drenthe
Informatie en aanmelden:
<studosemajnfino@esperanto-nederland.nl>

2] Estimata samideano,

Sur la dorsflanko de la paĝo de lundo 23. Majo de la ŝirkalendaro "Loesje" troviĝas la ĉi-kuna Esperanto-teksto. Ĝi neniel rilatas al la teksto sur la maldorsflanko (?).
Jen kiel ĝustas: ***Esperanto ludas rolon kiel normala afero inter aliaj normalaj aferoj.***

Sincere salutas,
Kees Ruig.




## REVUOJ RICEVITAJ

Revuoj ricevitaj post n-ro 2016/2 de marto-aprilo

***Esperanto aktuell*** 2015/6, 2016/1, 2016/2: teksto pri Aŭstria Esperanto-Federacio: Martin Stuppnig Kriegsimpressionen – impresa recenzo; Karaj rimoj? Araj krimoj! Pri vortludoj; tre informplena artikolo pri nova skanprojekto en la Kolekto por Planlingvoj kaj Esperantomuzeo de la Aŭstra Nacia Biblioteko; multe da novajhoj sub la moto **El la mondo;** daŭre bonega revuo; ***AEU-bulteno*** (de Andaluzia Esperanto-Unuiĝo), okt-dec 2015; jan/mart 2016: multe da organizaĵaj informoj – kaj ankaŭ vizito de Christian Declerck [misnomita Leclercq] al Malago (Málaga); ***Nova Irlanda Esperantisto***, 133, mart-apr 2016; 134, majo-juni 2016: raporteto pri "nia" studosemajnfino en Buurse; ***Esperanto*** de UEA, 1299(2), 1300(3), 1301(4), febr, marto, aprilo 2016 – ĉiuj nepre ĝin jam legis; ***La Sago (Sat-Amikara Gazeto),*** maj 2015-jan 2016 krize reduktita eldono; feb-maj 2016: eble la plej grava informo el Grésillon: aperis ampleksa bone ilustrita ***Teknika Vortaro de Greziljono; Dictionnaire technique de Grésillon*** – 200 paĝoj, nur 18 eŭroj; **libere konsultebla en la retejo de la kastelo**; ***Sennaciulo*** 1-2, jan-feb 2016: Putin kontestas la blufon de Obama; la arto de idiota milito (pri atakoj de IS kontraŭ Okcidento); ĉu antisemitismo aŭ judofobio?; ***La Revuo Orienta***, 1126, 1127, 1128, 1129, dec 2015, jan, feb, mrt 2016: impone granda grupo esperantista okaze de la 102a Japana E-Kongreso, Sendai, 2015; raportoj el la kongreso – speciale trafis min pluraj raportaĵoj pri katastroj (cunamo en Indonezio, cunamo el 1854, tertremo en nuna Nepalo, kaj ĉe Hukuŝima); ***Norvega Esperantisto***, 6/2015 – 2/2016: vizito de Aleksandro Melnikov el Rostov sur Don: ampleksa intervjuo; Norvegoj kontribuis al la Esperanto-literaturo; ***La KancerKliniko***, 157, jan-feb-mart 2016: opinioj de Noam Chomsky pri la hodiaŭaj mondaj eventoj (de Sen Rodin); ***Kontakto*** 271 (2016/1): Evildea – Richard Delamore – la plej aktiva kaj stulta Esperanto-Jutubisto; Literaturo ne estas nur litera-turo; Ralph Dumain el Usono rakontas kiel li malkovris la Hungaran literaturon per Esperanto.

De la Jarkunveno, dum kiu mi disponigis al la membraro la tuton ĝisnunan, mi ricevis:

***Kontakto*** 272, 2016:2: la kaŝita katastrofo: pri nuklea akcidento en 1957; artikolo pri la du-infana politiko en Ĉinio; artikolo: Duolingo – amuzilo por lingvemuloj; ***La Revuo Orienta*** 2015, apr 2016: ***La KancerKliniko*** 158, apr-maj-jun 2016: amikon Gersi A. Bays mi trafis kun lia *Pro la krizo en Grekio*, daŭrigo ree pri Gilgameŝ. La parodian version pri Marcialo 11:43 mi tre aprezis; ***La Sago (Sat-Amikara Gazeto)***, jun 2016: raporto pri membrokunveno; ***Sennaciulo*** mart-apr 2016 (1329-1330): *ili havas armilojn, sed ni florojn …*; artikolo: fratiĝo iama, militoj nunaj – tre pensinstiga teksto!

# INVITOJ

**1] Studsemajnfino en Schoonloo.**
La 2an, 3an kaj 4an de septembro 2016

Tuj post la sukcesplena studsemajnfino en Buurse ni komencis organizi la venontan!

Ĝi okazos la 2an, 3an kaj 4an de septembro en la ejo Strubben en Schoonloo. Tie okazis jam pluraj renkontiĝoj. La ejo taŭgas kaj estas facile atingebla. Aŭtobushaltejo estas tuj antaŭ la ejo.

Ni elektis daton en septembro ĉar fine de oktobro okazos la KKPS (la aranĝo de NEJ kaj espereble kun la kunlaboro de Esperanto Nederland). Unue lerni kaj ekzerci en Schoonloo kaj poste praktiki en la KKPS (la Klaĉ-Kultura Postsomera Semajnfino).

Pli da informoj kaj aliĝilo pri la studsemajnfino troviĝas en la retejo de Esperanto Nederland

http://esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php

Ĉu restas demandoj? Skribu al la teamo, kiu organizas la studsemajnfinon:
studosemajnfino@esperanto-nederland.nl

Ĝis revido
Lilian, Arjen-Sjoerd kaj Ineke



**2] Drongo**




*DRONGO vliegt uit!*
*Bekijk nu het eerste E-magazine van het DRONGO talenfestival 2016. Lees alles over de partners die ons festival mogelijk maken, werp een eerste blik op het programma van 2016 en zie welke exposanten je sowieso tegen komt.*

*http://magazine.drongofestival.nl/drongo-emagazine-1-nl*

*Geef DRONGO vleugels en deel dit E-magazine. Op die manier zorgen we samen dat alle taalliefhebbers naar het DRONGO talenfestival 2016 komen!*

*Delen is simpel en kan zelfs per pagina! Klik in de navigatiebalk op het "delen" icoontje en kies je gewenste platform, of kopieer de URL van een specifieke pagina om het magazine daar te laten openen.*
*In het kader van meertaligheid zal volgende week ook een Engelse versie van het E-magazine verschijnen.*
*Tot DRONGO!*



Ezra Clark STILLMAN (°1907-1995) estis usona universitata instruisto, sekretario de Belga-Usona Eduka Fondaĵo, kulturataŝeo de la usona ambasado en Bruselo kaj ekde 1937 li membris en la direktoraro de *International Auxiliary Language Association* (IALA), la asocio, kiu en 1951 publikigis la lingvoprojekton Interlingua. Li tradukis poezion kaj verkis proprajn versaĵojn en Esperanto kaj en la angla. La poemo "Duopa mondo mia" aperis en "Dekdu poetoj" (1934).

| DUOPA MONDO MIA | (De) dubbele wereld van mij |
|---|---|
| En ĉi tiu gaja mondo | In deze vrolijke wereld |
| (morto, murdo, pesto, rab') | (dood, moord, pest, roof) |
| mi promenas frumatene, | wandel ik 's morgens vroeg |
| june, kiel juna knab'. | dartel als een jonge knaap. |
| Kaj en ĉi malgaja mondo | En in deze droevige wereld |
| (ho, la sun' en la ĝarden', | (o, de zon in de tuin, |
| kie laŭ la laŭb-aleo | waar, langs de loof-laan, |
| mi promenas dum maten') | ik 's morgens wandel) |
| ftizo sputas pulmomukon | spuit de tering longslijm |
| (ho, ĉi dolĉa rozparfum'), | (o, dit zoete rozenparfum) |
| kaj armeoj blinde buĉas, | en slachten legers blind, |
| sangas en sufoka fum'. | bloeden in verstikkende rook. |
| Ho duopa mondo mia | O dubbele wereld van mij |
| (mi freŝvanga sub la sun'), | (ik met frisse wang onder de zon), |
| vi frenezas, al mi ŝajnas | je bent gek, dunkt mij |
| (mi putronta sub la lun'). | (ik die zal rotten onder de maan). |
| ------------ | ------------ |

**PRI LA POEMO**

**La titolo: Duopa mondo mia**
Kial tia nekutima vortordo?
Ĝi tutspeciale akcentas la lastan vorton.
Kiucele° ĉi-kaze°? *met welk doel; in dit geval*
Tiamaniere la vorto kaj la kunteksto akiras° pli da persona kaj senta valoro. *krijgt, verwerft*

**Verso 1: En ĉi tiu gaja mondo**
Kian impreson donas la unua verso?
Ke temos pri tre agrabla, eble promesplena afero.
**ĉi tiu** aŭ **tiu ĉi?**
Zamenhof rekomendis ĉi tiu en Lingva Respondo. Tiu ĉi estas francismo, multe uzata en Francio kaj Belgio.
**gaja mondo.** Kiel impresas tiu verso ĉe la unua legado?
Ĉu troiga°, mokema°, kritika, cinika? Aŭ ĉu male°, vere entuziasma? *overdreven; spottend* *integendeel*

**Verso 2: (morto, murdo, pesto, rab')**
Kial interkrampe (parenteze)?
La poeto volas klare montri, unue, ke ĉi tie ne temas pri la sekvo de la rakonto, due, ke la vortoj 'gaja mondo' nevole sugestas al li kontrastojn, antitezojn°. *tegenstelling*
Kion sugestas la sinsekvo° de la vortoj interkrampaj? *volgorde*
Ĝi esprimas katastrofon. Fonetike la silaboj ŝajnas soni laŭgrade° pli forte kaj agreseme°. *geleidelijk aan* *op agressieve manier*

**Versoj 3-4: mi promenas frumatene,**
**june, kiel juna knab'.**
Kiel kompreni la adverbon '**june**'?
Kompreninda estas 'laŭ la maniere de...'
(Ĉu supozendas, ke tiu 'mi' estas juna knab'?)
Kiel oni imagu, ke juna knabo promenas?
Tre verŝajne petoleme°, saltante, dancante, fajfante°, svingante° brakojn kaj krurojn°. *dartel* *fluitend; zwaaiend* *benen*
Kial juna knabo kondutus tiel?
Jen pruvo de...
bona sanstato, bona konscienco (?), troa energio...

**Verso 5: Kaj en ĉi malgaja mondo**
Komparindaj estas evidente la unuaj versoj de la du strofoj. La poeto volas pritrakti° du malojn°. *behandelen* *tegenovergestelden*

Kial li ne ripetas la esprimon 'ĉi tiu' el la unua strofo?
Verŝajne por ne pezigi° la verson. *verzwaren*
Kial li ne diris 'malĝoja' aŭ 'trista'?
Malĝoja ne estas necese la sama kiel malgaja.
Diferenco inter tiuj du:
**ĝoja**: blij (fr. joyeux, angl. joyous)
**gaja**: vrolijk (kp. gota° gaheis (!), fr. gai) *Gotisch*

**Verso 6**: **(ho, la sun' en la ĝarden',**
Kial en tiu verso du **elizioj**° ? *mallongigitaj vortoj*
Verŝajne por eviti° tro longajn versojn. *vermijden*
Krome° eble por klare doni la impreson, *bovendien* ke li estas surprizita el sia ĵusa revado.
La frazo sonas preskaŭ kiel krio!
Notinda ankaŭ estas la relative pli longa son-efiko° de la du silaboj **–un'** kaj **-en'**. *klankeffekt*
Kiel tiuj elizioj efikas ĉe la legado?
Pro la elizio la lastaj vokaloj akiras pli da akcentado. Oni povus imagi jen plian tempon por admiri la belecon de la pejzaĝo.
Kial aŭ kiucele estas ĉi tie elizio post la nazaloj?
Ĝi klare havas psikologian valoron: ĝi substrekas la admirantan emocion de la spektanto.
Kiel efikus tiu verso sen la elizioj?
Provu !
N.B. En versoj 2, 6, 10, 14, 16 estas la sama nombro da silaboj, dank' al la elizioj.

**Versoj 7-8: kie laŭ la laŭb-aleo**
**mi promenas dum maten')**
Jen denove interesa **son-efiko**° de iuj vortoj.
En verso 7 la ripetitaj 'l'-sonoj de la vortoj bone sugestas movon laŭlonge de io. Jen vere **esprimiva**° verso. *uitdrukkingsvol*
Aparte rimarkinda estas en tiuj du versoj la **ripetado** de du sonoj (aliteracio).
Nome°? *namelijk*
la sonoj 'l' kaj 'm/n'.
Kiel tiuj sonoj efikas al la orelo?
dolĉe, ne plozive, eĉ eble zume°! *neuriënd*
mildige°. *verzachtend*

**Verso 9: ftizo sputas pulmomukon**
Jen terura verso pro senco° kaj sono! *zin,betekenis*
ftizo **sputas**=?
La malsano estas ĉi tie ... personigita.
Kp. Ndl. ftisis (tering), ftisisch (teringachtig).
Rimarkinda verso pro la **esprimplenaj son-efikoj**:
fti- spu- pu- mo- muk
La muziko de tiu verso realisme sugestas la sonojn tiakaze° aŭdeblajn. *in een geval van dien aard*
**Kontrastoj**: denove la leganto devas salti de unu mondo al alia. Post la romantika bildo de la ĝardeno li estas lanĉata tien kaj reen°. *heen en weer*

**Verso 10: (ho, ĉi dolĉa rozparfum'),**
Plia **kontrasto** kun la antaŭaj versoj.
Kial la aŭtoro ne diris normale
'ho tiu ĉi dolĉa rozparfum'?
Komparendas la **versritmo** de ambaŭ!
Kiel efikas tiu **mallongigado** de la vortoj? *afkorting*
Ĝi bone sugestas la **spontaneecon** de la ekkrio°. *uitroep*

**Verso 11: kaj armeoj blinde buĉas,**
Al kio referas tiu '**kaj**'?
Al la antaŭe menciita(j) katastrofo(j).
**blinde buĉas**
Kian psikan efikon havas la du **b-silaboj**?
Ili fonetike sugestas la **krudecon** de la agon. *ruwheid*
Kion sugestas tiu adverbo 'blinde'?
Ĉio okazas kruele, draste, senkonsidere.

**Verso 12: sangas en sufoka fum'.**
Denove jen tiu fonetika esprimpovo de la konsonantoj –s- kaj -f- dank' al la vortelekto !
Versoj 11 kaj 12 estas vere atente relegindaj por bone aprezi° la **aŭdan**° **efikon** de la vortoj ! *waarderen, gehoor/klank*

**Verso 13: Ho duopa mondo mia**
Kroma esprimplena vortordo:
mia mondo / mondo mia *mijn wereld / wereld van mij*
same en aliaj lingvoj: dans ce monde à moi
in that world of mine
La son-efiko de tiu verso estas analizenda:
Temas fakte pri **duopa** son-efiko.

**Verso 14: (mi freŝvanga sub la sun'),**
Kio estas subkomprenita per la unuaj du vortoj?
Mi, kiu estas..., mi estante....

Kion supozigas la vorto 'freŝvanga'?
Ke li estas juna kaj bonfarta, juna sed sen sperto°. *ervaring*
Kio estus la malo de freŝvanga vizaĝo?
vizaĝo sulketa, falta: *rimpelig*
(falto, sulko = *rimpel*)
senfaltigo de la vizaĝo= *facelift*

**Verso 15: vi frenezas, al mi ŝajnas**
Kial la mondo ŝajnas frenezi al li?
Pro i.a.° la senfina batalado. *interalie, onder andere*
**frenezi(ĝi)** pro... ĝojo, ĵaluzo, amo, deziro...
imagi frenezigan situacion, ekzemple...
devi helpi, priservi plurajn personojn samtempe.
Kompletigu laŭ persona okazo:
Mi freneziĝus, se.....

**Verso 16: (mi putronta sub la lun').**
Ĉu jen verso konprenenda laŭlitere aŭ figursense?
Ĉiakaze estas same neeviteble fini sian vivon en ia ajn loko sub la luno aŭ la suno.
Ĉu la luno elektiĝis pro la rimo?
------

**Ĝenerala impreso**
La poemo pritraktas la duopecon° *dubbele natuur* de nia mondo sur tiu ĉi terglobo° kaj, *aardbol* tute logike, ĝi mem disvolviĝas° *ontwikkelt zich* en duoblan observadon.
Unuflanke aperas la gaja etoso. Aliflanke la bela mateno ne forigas la senton pri la malgaja aspekto de la homa vivo. En la lasta strofo li rilatigas tiun duecon al si mem. Li sentas sin juna kaj gaja kaj li scias ke li mortos. Per malmultaj vortoj ambaŭ flankoj de la homa ekzisto estas trafe sugestitaj. Ankaŭ la son-efikoj de multaj versoj tre lerte sugestas la emocion de la parolanto.
Estas tamen rimarkinde, ke la perspektivo ŝanĝiĝas de unu verso al alia. Tio cetere ne estas hazarda°, sed intenca°. *toevallig; opzettelijk*
Krome, tiuj ŝanĝoj de perspektivo ene de unu strofo estas klare indikataj per parentezoj.

**PLIE PRI IUJ VORTOJ**
**Vortoj kun la finaĵo *-OP-*** (titolo: duopa mondo)
-op- sufikso montranta kolektivecon (PIV)
Ekz.: Pasi unuope sur la ponteto = unu post unu
Resti duope en la ĉambro.
Ili promenis triope.
Se io estas senpaga, homoj venas multope°. *in groten getale*
Ĉu la fratoj kantis unuope aŭ duope?
Z.: **Akiro kaj perdo rajdas duope.**
*Het verkrijgen en het verliezen gaan samen. (letterlijk: rijden met zijn tweeën)*
*Zo gewonnen, zo geronnen.*
Estas tute normale, ke ĉia akiro povas iam perdiĝi.
Z.: **Multope ni pli frue finos la laboron ol unuope.**
*Met velen zullen we het werk vroeger beëindigen dan alleen.*
*Vele handen maken licht werk.*

**Vango** (vs. 14: freŝvanga)
Kial la **vango** estas kutime konsiderata bona informilo° pri ies sanstato? *middel om te informeren*
Ĝia koloro kaj ĝia formo estas ofte sufiĉe bonaj informiloj tiurilate°! *wat dat betreft*
Ekzemple: Kiel/kiaj aspektas vangoj de (mal)junaj aŭ (mal)sanaj homoj?
Vangoj informas nin ne nur pri nia sanstato, ili ofte informas ankaŭ pri ies humoro.
Ekzemple: Oni povas ruĝiĝi de...
honto, de plezuro, de grandega streĉado°. *inspanning*

Kia estas **pufvanga** homo? *met bolle vangen*
homo havanta ŝvelajn° vangojn. *gezwollen*
Kion povas indiki tiaj pufvangoj?
Multon ! Ĉu bonan ĉu malbonan sanstaton aŭ humoron.
La malo: **kavaj**° **vangoj**. *holle*
La vangoj tiam estas...
kav(iĝint)aj, pal(iĝint)aj°. *verbleekt*
Kavaj vangoj povas indiki malsan(ec)on. Sed Z parolas pri '**kavetoj'** de fraŭlinaj vangoj. Tamen ĉi tie ne temas pri malsaneco sed pri tiaj precipe° videblaj kiam formiĝas... *vooral*
rideto°. *glimlach*
N.B. Kial **grundo** de vojo povas **kaviĝi**?
Pro tertremo° aŭ eksplodo aŭ forta pluvego (forta pluvofalo). *aardbeving*

**sidvango**: eŭfemismo por pugo°, postaĵo° *zitvlak*
Ĉu vi jam aŭdis pri **la belpuga Afrodito**?
Helena diino de la belo kaj amo (en Romo: Venuso). Ŝi estas celebrata pro siaj belaj galboj°. *rondingen*

Jen konsilo el la Nova Testamento:
**Al tiu, kiu frapas vin sur la vango, prezentu ankaŭ la alian.** Ĉu vere?
Jen certe facila konsilo, sed male° *integendeel*
malfacile sekvebla° ! *mogelijk te volgen*
Kiel kompreni tiun konsilon el la Biblio?
Oni ne provu refrapi°, rebati *terugslaan*
sed oni male klopodu° ekscii° *trachten*
la kialon° de la ago° kaj *daad*
finfine alveni al paca pritraktado de la afero.

Ricevi, doni **vangobaton**°. *klap op de wang (om de oren)*
Kiu ricevas?
malobeema° infano. *ongehoorzaam*
Kiu donas?
malkontentaj gepatroj.
Kial tiaj batoj estas malkonsilendaj?
Z.: **Propran vangon neniu batas.**
Neniu punas sin mem.
Z.: **Fari al iu aplaŭdon sur la vangon.**
Fakte temas pri (iom) sarkasma, ironia rimarko farita al iu. Do tute ne pri ia
konsilinda° aplaŭdo sed male pri ia *aan te raden*
ŝoka rimarko.
Kio ĝenerale° estas *over't algemeen*
prefere° ricevata sur la vango? *liever*
kiso°, kareso°. *kus, aaitje*

**Putri** (vs. 16: putronta)
1) = malkomponiĝi, se paroli pri organika substanco (PIV)
Z.: **De semo° putra venas frukto ne nutra°.**
*Van rot zaad komt geen voedzame vrucht.*
Z.: **Eĉ por pomo putranta troviĝas amanto.**
Jen vere grava konstato se temas pri homoj, kaj kiaj?
soifaj°, malsataj°. *dorstig; hongerig*
2) = morale difektiĝi (PIV)
Z.: **Laboro homon nutras° , sen laboro li putras°.** *voeden*
Ĉu vere? Ĉu komprenenda laŭlitere?
Z.: **Laboro fortigas, ripozo putrigas°.** *verrotten*
Ĉiakaze akceptebla opinio?
Z.: **Putrado de fiŝo komenciĝas de l' kapo.**
= Plej facile koruptiĝas altranguloj.
*(De hoogst geplaatsten zijn het gemakkelijkst omkoopbaar.)*
------
*Amuza kromekzerceto: ekzerciĝi en la flua retradukado de la nederlandaj tradukaĵoj !*
-------

**TRADUKEKZERCOJ**
**Solvo de la antaŭa**
1) Metu la bluon de la maro kontraŭ la bluon de la maro, tiru en ĝin la blankon de velo kaj la vento leviĝas. (W. Hussen). 2) Ĉio eblas, escepte de la realigo de viaj revoj. (H. Wijdeveld).
3) Ĉiu atingita celo estas denove la komenciĝo de nova vojaĝo, kaj tiel ĝis en la senfino. (Schopenhauer). 4) Ĉia surtera feliĉo baziĝas sur kompromiso inter revo kaj realo. (M. Prévost). 5) La homo similas al aktoro, kiu neniam ekscias kiel la teatraĵo en kiu dum tuta akto li mem kunaktoris, plu disvolviĝos.(L. Fulda).
6) Variado estas la vera spicaĵo de la vivo, kiu al ĉio donas aromon kaj saporon. (W. Cowper).
7) La mondo estas menaĝerio, en kiu oni preterlasis disigi/separi la lupojn de la ŝafidoj. (M.L. Karadja).

**Nova**
1) De mens is het intelligentste van alle dieren – en het meest dwaze. (Diogenes).
2) Zelfs de eenvoudigste mens is nog altijd een zeer ingewikkeld wezen. (Marie von Ebner).
3) Niemand kan teruggaan voor een nieuw begin, maar iedereen kan vandaag beginnen met een nieuw einde. (Maria Robinson).
4) De mens is noch een engel noch een beest, en het ongeluk wil, dat wie voor engel wil spelen, de beest uithangt. (Blaise Pascal).
5) We verkeren zo graag in de vrije natuur, omdat deze geen mening over ons heeft. (Nietzsche).
6) Als er onder de sterfelijke mensen iets bestaat dat uitgeroeid moet worden en dat ieder verplicht is met alle wettige middelen tegen te gaan en te helpen voorkomen, dan is het zonder twijfel de oorlog. (Erasmus).
7) Wat de pessimist ziet als een struikelblok, beschouwt de optimist als een opstap. (Eleanor Roosevelt).

-----

Emiel Van Damme
Albert I-straat 44
B. 1703 Schepdaal

# RECENZOJ

1] En 2008 VoKo eldonis la trian volumon de **La duakanonaj libroj** en la traduko el la helana kaj latina de Gerrit Berveling.

Temas pri la libroj de la ortodoksaj eklezioj. En sia enkonduko la tradukanto klarigas, ke tra la jarcentoj la enhavo de la Biblio kaj tiu de la duakanonaj libroj estis fiksitaj en la Romkatolika, ortodoksa kaj protestantaj branĉoj kristanaj.
Ĉi tiu eldono komencas per du libroj *Ezra* – kun klarigoj pri ilia rilato al la libroj *Ezra* kaj *Neĥemja* en la hebrea Biblio. Temas pri la periodo, kiam ekzilitaj judoj rajtis reveni Jerusalemon kaj novkonstrui la templon, kaj pri vizioj de la profeto Ezra pri la postmorta traktado de bonuloj kaj malbonuloj kaj kelkaj profetaĵoj pri damno kaj juĝo de Babel kaj Azio.
La libro *3 Makabeoj* pritraktas la sorton de la Judoj en Aleksandrio en Egiptujo dum la regado de Ptolemeo la 4-a Filopator (221-203), kiu volis eniri la sanktejon de la templo en Jerusalemo. Malebligite fari tion post preĝado de la ĉefpastro, li volas venĝi sin per mortigo de ĉiuj judoj, kiuj rifuzas forlasi siajn religiajn kutimojn, sed ankaŭ tion malebligas Dia interveno.
La libro *4 Makabeoj* estas verkita en la greka kaj estas klasika ekzemplo de interpretado de Judismo en nocioj el la greka filozofio. La teologio de la aŭtoro estas pure juda. La pli grandan parton pritraktas la martirecon de “gvidanto de la grego”, Eleazar, kaj sep fratoj pro rifuzo manĝi porkaĵon, kion ordonis “la tirano Antioĥo Epifanes. Tio estas venko de la filozofio: la pia racio regis super ĉiuj emocioj, kion laŭdas la aŭtoro.
Sekvas mallongaj tekstoj: preĝo, himno, psalmoj kaj letero al unu el la kristanaj komunumoj.
Kune kun la klarigaj enkonduko ĝi estas tre intersa legaĵo.
Anneke Schouten-Buijs.

2] En 20015 aperis ĉe Exxit en Cluj Napoca **Kvodlibeto**, 338-paĝa kolekto de rakontoj, diverstemaj eseoj kaj recenzoj de Julia Sigmond kaj SenRodin. (ISBN 978-973-7803-27-6)
La titolo devenas de la latina esprimo *Questio de quodlibet*, kio signifas ekzercon en la mezepoka universitata instruado; oni povis publike levi demandon al profesoro, kiun li devis respondi senprepare. La esprimo kvodlibeto laŭlitere signifas kion ajn vi volas; laŭplaĉe.
Grandan parton de la enhavo antaŭe aperis en diversaj revuoj. Kun plezuro mi relegis la mildstilajn rakontojn, kiujn plejparte mi jam konis.
La dek sep artikolojn pri politiko verkis Sen Rodin, ili temas i.a pri la itala prezidento Berlusconi, la reagoj de italaj gazetoj kaj altaj funkciuloj pri la murdoj en Oslo kaj Utoja (kiujn unue ili tuj atribuis al islamaj ekstremistoj), la situacio de palestinanoj en kaj ĉirkaŭ Israelo, la ekesto de grupoj kiaj talibano kaj ISIS. Multon mi pri tio jam legis en *Vredesmagazijn*, revuo, kiun kune eldonas kelkaj nederlandaj pripacaj organizoj. Valoras la tempon tralegi kaj pripensi tiujn artikolojn.
La artikolojn pri vivospertoj temas i.a. pri oldulino akuzita pri ŝtelado, dumpluvega entombigo, renkontiĝoj, en kiuj amikinoj rakontas similajn spertojn pri siaj eksaj edzoj.
La parto pri Esperanto enhavas i.a. reagon al ideoj de Anatolo Gonĉarov pri la esperanta “Civito”, raporteton pri dutaga renkontiĝo de pluraj Esperantoverkistoj, kiun aranĝis Spomenka Ŝtimec.
La recenzoj temas i.a. pri “Tridek jaroj en ora nordo” de Jan WELZL, du librojn de Eddy Raats pri la junaĝo dum la dua mondmilito kaj poste, “la princo ĉe la Hunoj” kaj reago al malfavora recenzo pri tiu libro.
Sen Rodin verkis longan recenzon en La Gazeto de *La princo ĉe la hunoj* kaj reagon pri recenzo pri ĝi en Beletra Almanako, ambaŭ estas tre interesaj kaj bonstilaj.
Julia Simond komparis librojn de tri diverslandaj verkistoj, trovante komunajn ecojn en ili, kaj recenzis *Antologio de Gabrielle d' Annunzio*, eldono de Literatura Foiro; dankante Carlo Minnaja, kiu ebligis al ŝi legi verkojn de aŭtoro, kies nomon ŝi jam delonge konis, kaj porjunularan libron, *La triĝiba monto*, kiun ankaŭ plenkreskuloj ŝatas.
Prave ŝi en pluraj recenzoj dankas tradukintojn, kiuj malfermas literaturajn trezorojn al la esperantistaro.
La parto pri muziko temas pri lingvo: la diskoj kun paroladoj de Ivo Lapenno, kies belsona voĉo igas aŭskultadon kaj komprenon de liaj vortoj des pli agrabla, kaj pri Esperanto kiel muzika ĉefverko.
La lasta parto temas pri bestoj kaj estas same interesa kaj bonstila.
Libro por ĉies interesoj, por hejma legado kaj priparolado en klubkunvenoj, en kiu troviĝas nur kelkaj preseraroj, kio aldonas al la plezuro de legado.
Anneke Schouten-Buijs

# GRAVA ALVOKO: NEDERLANDAJ REVUOJ SERĈATAJ

Jam antaŭ kelkaj jaroj la geedzoj Irmi kaj Reinhard Haupenthal kaj Bavara Ŝtata Biblioteko (Bayerische Staatsbibliothek) subskribis kontrakton kiu antaŭvidas la iom-post-ioman transprenon de la „Planlingva Kolekto Haupenthal“ (arkivo kaj biblioteko) fare de la nacia biblioteko en Munkeno. Ĉi biblioteko rangas inter la tutmonde plej grandaj.

En intervjuo kun bibliotekistino ges-roj Haupenthal eksplikis la situacion:
https://www.bsb-muenchen.de/index.php?id=3626

Laŭeble al la biblioteko transiru kompletaj jar-kolektoj de revuoj. En la nederlanda sekcio de Planlingva Kolekto Haupenthal mankas unuopaj revu-numeroj kiel montras la jena listo:

**La Holanda Pioniro**: 1. 1908/09: 6. - 1910 – 1913 (grand-formata). - 1920: 1. 2. – 1921: 11.

**Holanda Esperantisto**: 1922. - 1924: 106. 116.

**Laborista Esperantisto**: 1931: 2-10. - 1933-1939. - 1940: 3. 5-12. - 1941-1944. - 1945: 1-3. 9-12. - 1946: 10-12. - 1947: 1.2.4-12. - 1948: 12. - 1949: 9. - 1950: 3.4.11.12. - 1951: 1.3-9.11.12. - 1952: 4.11.

**Nederlanda Esperantisto**: 1934-1939. - 1941: 4-12. - 1949: 10-12. – 1954: 5-12. – 1955 – 1960. - 1963: 1. 3. - 1965: 2. - 1968: 2-4. 6-12.

**La Progresanto**: 1935. 1936. 1937.

**FEN-X. Forumo de Esperanto Nederland / FENIKSO. Revuo de Esperanto Nederland**: 1996: 6. - 1998: 3-6. - 1999: 1-3. 6. - 2000: 1. 2. 4. - 2001: 2. 3. - 2004: 3. 5. 6. - 2005: 1. 2006: 1. - 2007: 1-4. - 2008-2012.

Nederlandaj esperantistoj kiuj povas kaj pretas helpi por kompletigi la kolektojn (eĉ se per unuopaj numeroj), estas petataj kontakti:

Ges-roj Irmi kaj Reinhard Haupenthal
La Saousse, F-84340 MALAUCÈNE (Francujo)
tel. + 33 (0) 4 90 65 28 33
E-Mail: reinhard.haupenthal@aol.com

Aldone al la supra peto jen du demandoj kiuj koncernas (supozeble) nederlandajn aŭtorojn:

REMERS, H. = Jo van Hemert-Remmers
STERKENBURG, Rejnier P.

Ĉu vi konas detalojn pri tiuj du personoj. Ĉu el la (iama) nederlanda laborista Eo-movado postvivas personoj kiuj povus informi pri ili? La problemo estas, ke multaj ne elpaŝis kun individua volumo, kio faciligus la serĉadon. Vera puzla ludo.

Sincere salutas
R. Haupenthal

# RAPORTAĴOJ

## 1] Mallonga prelegvojaĝo en Normandio (Francio)

Je la 11a de majo 2016 Bert de Wit laŭ invito de la Esperanto-grupo de Hérouville-Caen en Normandio prelegis pri “Kiel ni povas ekscii ion pri la estonteco de nia vivmedio”. La prelego estis parto de la aktivaĵoj en la kadro de “Festo Eŭropo”, kiun organizis la urbestraro. La prezento estis tradukata samtempe en la francan fare de Gérard Sénécal kaj Yves Nicolas. Pri la prelego aperis intervjuo en regiona gazeto *Ouest* je la 13a de majo. Oni invitis Bert pro tio, ke Nederlando estas en la unua duono de la jaro EU-prezidanto. Cetere li estas malnova konato de Yves Nicolas de la okdekaj jaroj.
Dum la festa semajno okazis ankaŭ “Poliglota Kafejo” je la 12a de majo, kie interesiĝantoj povis informiĝi kaj ekzerci sin en la paroladodo de fremdaj lingvoj. Esperanto estis ankaŭ reprezentita kaj Gérard Sénécal havis plurajn interparolojn kun interesitoj, i.a. kun la respondeculino de la urbestraro, kiu organizis la semajnon.
Por la nederlanda tamen ne venis iu en la kafejo, kiu volis ekzerci la lingvon kun Bert.
En la marda vespero Bert prezentis lumbildojn pri la 11a Himalaja Renkontiĝo en Nepalo, kiu okazis pasintjare. La aŭskultantoj estis la membroj de la Esperanto-grupo en Hérouville-Caen.
Dumtage, Yves, Claude kaj Marianne kaj Gérard kondukis sian gaston al diversaj vidindaĵoj en la urbo Caen mem kaj en Bayeux, Quistreham kaj Arromanches.
En Caen troviĝas la tombo de Vilhelmo la Konkeranto, kiu en 1066 venkis super Haroldo kaj fariĝis poste reĝo de Anglio. Tiu tombo estas en la abatejo de la viroj, apud la urbodomo de Caen, kaj la tombo de la edzino Mathilde estas en la abatejo de la virinoj. Miraklo estas, ke la 70 metrojn longa brodita tapiŝo de Bayeux estas ankoraŭ en tiel bona stato (post pli ol 1000 jaroj). La rakonto sur la tapiŝo komenciĝas ĉe reĝo Edvardo de Anglio, kiu sentas, ke li baldaŭ mortos kaj volas, ke Vilhelmo de Normadio estu lia posteulo kaj post sufiĉe da intrigoj kaj bataloj Vilhelmo venkas en la decida batalo de Hastings en 1066.
Kompreneble en Caen, kiu 70%e detruiĝis dum la dua mondmilito post la invado de la aliancanoj, kaj ĉirkaŭa regiono oni ne povas ne vidi restaĵojn kaj memorlokojn pri la milito. Tiel, ekzistas Pegasoponto (kopio nuntempe de la originala) kiu estis liberigita unue dum la invado fare de britaj soldatoj, kiuj alvenis per ŝvebaj aviadiloj. Apude estas muzeo kaj ankaŭ la kafejo, kiu estis la unua domo liberigita en 1944. La kafejo plenplenas de memoraĵoj pri la milito kaj kelkfoje ankaŭ de homoj.
La haveno de Arromanches estas aparta rakonto. Dum la milito en Britio oni preparis kasonojn, kiujn oni sinkigis ĉe Arromanches, kreante tute artefaritan havenon por albordigi militmaterialon por la aliancanoj. La kasonoj ankoraŭ videblas en la maro. Estas nun nekredeble, ke tiu operacio restis nerimarkita de la malamiko.




La Esperanto-klubo de Hérouville-Caen estas tre aktiva pri interŝanĝoj kun aliaj kluboj kaj akceptado de eksterlandaj prelegantoj. Tiel plurfoje vizitis la klubon japanaj geesperantistoj kaj Mikaelo Bronŝtejn por nomi nur kelkajn el la granda fotomemorlibro de la klubo. Estis tre agrable gasti ĉe Brigitte kaj Pierre, Gigi kaj Gérard, Yves kaj Annemarie kaj mi multe ĝuis la interparolojn kaj gastamon de multaj geesperantistoj, kiujn mi rekontis en tiu mallonga restado de la 10a ĝis la 13a de majo.
La klubanoj interesiĝas pri vizito al Nederlando en venonta tempo; do se iuj havas sugestojn kaj eblecon gastigi kelkan homojn, ili bonvolu kontakti min. Cetere, por vizito al Harlemo/Amsterdamo mi povos mem gastigi kvar geesperantistojn.

Bert de Wit

## 2] Verslag studieweek in Esperanto-stad Herzberg (Duitsland)
## 24 april t/m 2 mei 2016

*Herzberg am Harz is een stad, die het ideaal van Esperanto in de praktijk heeft gebracht. In dit prachtige toeristische stadje in het Harzgebergte even ten zuiden van Hannover is veel bewegwijzering meertalig uitgevoerd: Duits en Esperanto. Al bij binnenkomst in de stad word je met een bord ”Esperanto-Stadt Bonvenon” verwelkomd. Zelfs de diverse soorten bomen langs de Juessee, een romantisch meertje midden in de stad, hebben allemaal een Esperanto-talig naambordje (o.a. de Nederlandse appelboom Boskoop) gekregen. Engels ontbreekt of komt pas op de derde plaats zoals te zien is bij de informatieborden aan de muur van het hoog boven de stad uittornende kasteel. Eenmaal in het kasteel vind je er zelfs een Esperanto-expositie (met onder andere een boek van de bekende Nederlandse Esperanto-schrijver Bulthuis) en interactieve multimediale uitleg, allemaal in het Esperanto. Als je trek hebt gekregen na al dat bezichtigen kun je in het Döner kebab restaurant vanaf het Esperanto-menu een gerecht bestellen en ‘s avonds kun je, met een Esperanto-boek, geleend in de uitgebreide afdeling met Esperanto literatuur uit de stadsbibliotheek, je ontspannen op een bankje bij de waterval net buiten de stad.*

*Voor een vakantieganger uit Nederland, die geïnformeerd wil worden in een neutrale internationale taal, geeft bovenstaande beschrijving al een ideale vakantiedag weer. Nog interessanter wordt het, als je, net als ik, naar Herzberg komt om een van de talrijke Esperanto-bijeenkomsten bij te wonen, waar je andere Esperantisten kunt ontmoeten. Deze bijeenkomsten worden met veel enthousiasme georganiseerd door Zsófia Kóródy en Peter Zilvar van het Interkultura Centro Herzberg. De deur staat er altijd open en de nationale vlaggen van de bezoekers wapperen er gebroederlijk/gezusterlijk naast de Esperantovlag.*
*Ik volgde er een intensieve Esperanto-taalcursus samen met de Roemeens-Franse Bianca (gepromoveerd in de filosofie) uit Frankrijk,*



*de gepensioneerde ingenieur Finn uit Denemarken, de toekomstige eco-dorf bewoner, de Duitser Walter uit de buurt van Hamburg, en de Duitse Heike uit Leipzig, die samen met haar man een taalsoftware/uitgeverij met o.a. Esperanto leidt. We kregen afwisselend les van Zsófia en Peter over verschillende thema's: spreekvaardigheidstraining, over de verschillende Esperanto-organisaties, literatuur, bibliotheken, een rondleiding door Herzberg en de stadsbibliotheek en de eigen bibliotheek van het Esperanto-centrum. 's Avonds was er tijd voor ontspanning met een Esperanto-film, muziek of Zsófia vertelde legendes. Een paar keer gaf Zsófia een cursus Engels van anderhalf uur in een nabijgelegen dorp. Dit gaf ons mooi de gelegenheid als studenten, al Esperanto pratend, door de straten van het prachtige Osterode en Duderstadt te wandelen.*



*Woensdagavond namen we deel aan de reguliere Esperanto-clubbijeenkomst met inwoners uit Herzberg zelf. Daarna aten we met elkaar in het 8 km verderop gelegen bergdorpje Sieber in een Pools-Esperanto restaurant. We maakten er kennis met de Poolse eigenaren en de net gerarriveerde Poolse filmmaker Roman Dobrzynski en zijn vrouw, de journaliste Erika. Dobrzynski is bekend van de vele Esperanto-documentaires, die hij maakte, en bijvoorbeeld als auteur van het bijzonder interessante boek "La strato de Zamenhof", waarin hij de kleinzoon van Zamenhof interviewt. Toevallig was ik dat boek net (nou ja, al een paar maanden lang) in de oorspronkelijke Poolse versie aan het lezen. De volgende dag bezocht Roman Dobrzynski ons in het Esperanto-centrum om Zsófia en Peter te interviewen. Ook werd er een gedeelte van de les gefilmd. Hierin speelde ik (of liever gezegd mijn hals), samen met de paarse sjaal van Bianca, een bijrol door twee verschillende grammaticale situaties te demonstreren. In de eerste sketch mocht Finn, terwijl ik bezig was de sjaal om mijn hals te wikkelen, op Zsófia's vraag een antwoord geven waarin de bewegings-n moest voorkomen: "Li metas la ŝalon ĉirkaŭ sian kolon." (= Hij doet de sjaal om zijn hals) en in de tweede sketch, waarbij ik alleen maar stil hoefde te zitten met de lekker zachte paarse sjaal nog om mijn hals, zonder de bewegings-n: «Li havas la ŝalon ĉirkaŭ sia kolo." (= Hij heeft de sjaal om zijn hals).*

*Na de studieweek nam ik nog deel aan het Kultur-Turisma semajnfino, een weekend in de Harz waarin het feest van de Valpurga, een feest met heksen wordt gevierd.*

*Zaterdagavond bezochten we zo'n feest in een park in Bad Sachsa. Met heksenhoed of duivelshoorntjes op het hoofd was de toegang gratis. Zondag namen Zsofia en Peter ons mee naar de officiele opening van een kunsttentoonstelling in het kasteel van Herzberg en daarna toerden ze met ons door het schitterende Harzlandschap en bezochten we diverse pittoreske locaties.*

*Het was al met al een zeer geslaagde week in Herzberg, het betoverende Esperanto-paradizo…, eh, pardon,* dé Esperanto-urbo*, bedoel ik. Ik heb veel geleerd en bewondering gekregen voor de enorme inzet van Zsófia en Peter voor de Esperanto-beweging. Ook verdienen ze waardering voor het bewaren van het erfgoed van Esperanto in de vorm van boeken, speldjes, audio, filmbanden, tijdschriften enz. dat allemaal vrij toegankelijk is voor bezoekers. Helaas moest ik op maandag weer terugkeren naar Nederland. De betovering weer verbroken.*
*Een bezoek aan Herzberg kan ik aan iedereen van harte aanraden. Met het Niedersachsen Plus Ticket vanuit Groningen kun je heel comfortabel en goedkoop binnen 7 uur met de trein naar Herzberg reizen. De eerste persoon betaalt € 28,-, elke volgende medereiziger slechts € 5,-. Zie voor meer info over de activiteiten in het Interkultura Centro Herzberg: http://www.ic-herzberg.de of http://www.esperanto-urbo.de*

*Andries Hovinga*







Op deze foto van de certificaatuitreiking staan de volgende cursisten (van links naar rechts): Bianca (Frankrijk); Andries (Nederland); Heike (Duitsland); Zsófia (docente uit Herzberg); Finn (Denemarken); Walter (Duitsland)

## NEKROLOGOJ



Mi sendas al vi mallongan artikolon pri (Esperanto-)amikino, Maria Rijpert. Ŝi naskiĝis je la 10a de februaro 1946 (en Amersfoort) kaj ŝi mortis je la 27a de marto 2016 (en Goes).
Kvankam ŝi ne estis membro de 'Esperanto-Nederland', certe estos personoj kiuj iam renkontis ŝin.
Bedaŭrinde, Maria mortis, tro frue, tro june kaj tro subite.
"*Nia kuraĝa, kriptogramofaranta, flue Esperantoparolanta, filmo-ŝatanta, radio-aŭskultanta, krucvorto-solvanta, entreprenema, teatro-ŝatanta, obstina, franca-lingvo-lernanta, el la tuta mondo la plej bongusta-makaronio-faranta, vojaĝema, bonodora kaj precipe kara (bo-)patrino kaj avino ne plu estas*".
Tiun tekston la filinoj de Maria (Rijpert) elektis kaj multaj geamikoj en nia regiono (kaj ekster Nederlando) rekonas nian amikinon!

Bedaŭrinde, Maria ne plu ĉeestos, ne plu partoprenos Esperanto-kunvenon, ne plu vizitos kongreson, sed ankaŭ ne plu regajigos la kunvenojn ĉi tie en Terneuzen, aŭ en Antverpeno, Gent, Kalmthout, dum la promenoj en la Flandraj Ardenoj, k.t.p.
Ni devos alkutimiĝi tiun perdon .....

Mi – nome de ŝiaj filinoj – do skribis pri ŝi, kaj mi ankaŭ aldonas foton.

Det Koning

# QUO VADIS ?

En *Het Parool* de 15-05-2016 la kolumnisto Theodor Holman verkis artikolon pri Trump, popolismo kaj voĉdonlibereco sub la titolo 'Afkeer van de schone schijn'. La temo mem ĉi tie ne gravas.
Duonvoje li skribas pri la 'gramatiko de la subventraj sentoj' kaj tiam skribas pri tiu gramatiko: "Vroeger kende de PvdA die ook, maar ze zijn hem verloren en spreken nu een soort Esperanto, een kunstmatige dode taal waarmee ze willen 'verbinden', waardoor alleen maar kortsluiting ontstaat omdat ze steeds minder begrepen worden". Certe estas Esperantistoj kiuj reagis (-as, -os) kiel ĉiam ke la skribinto nenion scias pri Esperanto. Kaj sekvas diareo de argumentoj kial li malpravas. Kaj poste la mondo daŭrigas sian rondiradon. Mi volas substreki alian konstaton. Holman certe ne estas stultulo. Tamen li nenion scias pri la internacia lingvo. Sed li almenaŭ konas la vorton. Kiom da homoj nuntempe eĉ ne konas la vorton? Ĉu ni rajtas kulpigi ĉiujn tiujn homojn ke ili havas falsan impreson pri Esperanto aŭ eĉ ne konas la vorton? Laŭ mi ne.
Nederlando enhavas 17.000.000 enloĝantojn. Imagu ke de ili 1700 parolas Esperanton. Tio estas 0,01%! Imagu ke 100 personoj ĉirkaŭ ĉiu Esperantisto pro lia diskonigado bone scias kio kaj kia estas Esperanto, tiam nur 1% en tuta Nederlando scias kio estas Esperanto. Kaj tio en la tempo de la IKT! En la tridekaj jaroj de la antaŭa jarcento (kaj eĉ en la kvindekaj kaj sesdekaj jaroj) preskaŭ ĉiu Nederlandano sciis kio estas Esperanto! Kio okazis intertempe? Jam de la sesdekaj jaroj mi avertis ke la movado ne progresas kun sia tempo. En tiu tempo mi estis direktoro de la Anne Frankdomo kaj prezidanto de UASE, la Amsterdama Esperantoklubo. La Anne Frankfondaĵo kaj UASE kune celebris la Zamenhoftagon en kumuna kunveno. La kunvenejo de la Anne Frankdomo estis plena per 150 homoj. En la unua celebro paroladis D-ro prof. Henri van Praag, estrarano de la AFF kaj Esperantisto, pri la familia vivo de Zamenhof. Mi proponis pli da komunaj eventoj kun ne-esperantaj organizoj kaj pli da kunlaboro ekster nia movado. La kluboj de i.a. Amsterdamo, Hago, Leeuwarden kaj Groningen entuziasmiĝis, kontraŭe i.a. Utrecht kaj Roterdamo vekriis. Kaj la estraro de LEEN inter si furioze kverelis. Do nenio okazis. Eĉ ĝis nun! Merkatumado ankoraŭ nun estas blasfemo en Esperantujo. Kiel do ni kuraĝas riproĉi homojn kiu ne scias kio estas Esperanto aŭ kiuj pensas ke ĝi estas mortnaskita bebo? Ni ne perfingre indiku eksterulojn, sed internen kie abundas vortoj, paroloj kaj tekstoj sed malabundas praktika agado. Esperebla iam TEJO sukcesos?

Kees Ruig, Malden.

info@esperanto-info.nl

FENIKSO
21a jarkolekto, n-ro 4
julio-aŭgusto 2016
*Eventueel retouradres:*
Esperanto Nederland
Gerrit Berveling
Van Vredenbuchtweg 435
2284 TA Rijswijk

PostNL
Port betaald
Port payé
Pays-Bas